‚Mutig vorwärts!‘ **Aŭstria Esperantisto** ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto

**(Österreichischer Esperantist)**

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio**

9a jaro. N-o 5 Monata Majo 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Tagung des Oesterr. Esperanto-Bundes in Linz

am 15. und 16. Mai (Pfingsten), verbunden mit Hauptversammlung, Hotel Stadtgut. Programm siehe Aprilnummer.

Abends Vorträge: **Dr. E. Pfeffer:** „Unser jetziger Stand und Arbeitsprogramm für die nächste Zukunft“, **Hans Joachim Plehn** „Internationale Sprachnormung in der Technik“ und **Reg.-Rat Steiner** „Von meiner Werbereise“.

Oesterr. Esperanto-Bund: K. Wannek, Präs., R. Ulbrich, Geschäftsführer.

---

**Internationale Sprachnormung in der Technik,** besonders in der Elektrotechnik (Die nationale Sprachnormung und ihre Verallgemeinerung) von Dr. Ing. Eugen Wüster, herausgegeben mit Unterstützung der Akademie des Bauwesens. An erster Stelle bringt die „Muttersprache“, Zeitschrift des Deutschen Sprachvereines, Berlin, 47. Jahrgang, Heft 4 vom April laufenden Jahres eine Besprechung, in der hervorgehoben wird, „daß es sich hier um ein Buch handelt, an dem der Sprachverein nicht vorübergehen darf, mit dem er sich auseinandersetzen muß, aber nicht in feindlichem Kampfe, sondern in freundschaftlicher Aussprache mit friedlichem Abschluß. Da die Technik in ihrer heutigen mächtigen Entfaltung Gemeingut aller Völker ist, haben diese das Bedürfnis, sich untereinander über alle technischen Fragen zu verständigen, nicht nur die Sachen zu „normen“, sondern auch die sprachlichen Ausdrücke dafür; ein solches einheitliches sprachliches Verständigungsmittel ist geradezu die notwendige Voraussetzung für die weltallgemeine Sprachnormung. Die internationale Sprachnormung verlangt ihr Recht. In Betracht kämen die frühere Wissenschaftssprache (Latein), die verbreitetste der heutigen Sprachen (Englisch) und eine künstliche „Plansprache“. Latein scheidet für die Technik aus, vor allem wegen der mangelnden Eindeutigkeit der Ableitungssilben. Dieselbe Schwierigkeit entsteht durch das Englische, dessen Thronerhebung zudem für selbstbewußte Völker unerträglich wäre. „Wir wollen uns nicht erniedrigen, daß wir Englisch neben unserer Muttersprache verwenden, als ob wir eine englische Kolonie wären“ — dieses Wort eines Japaners dürfen auch wir Deutsche uns zueigen machen. Es bleibt also nur eine künstliche Sprache, und ihr widmet der Verfasser fast den ganzen letzten Teil seines Werkes. Er gibt dem Esperanto den Vorzug“. Verfaßt ist der Artikel von Karl Scheffler, Braunschweig.

**„Wie denken Sie über Esperanto?“,** eine zeitgemäße Auseinandersetzung zwischen einem Gegner und einem Kenner des Esperanto, verfaßt von Fachlehrer Hans Jungschaffer, erschien bereits in zweiter Auflage. Preis 40 g mit Postzusendung beim Verfasser Ried i. I. Bahnhofstr. 22, O.-Oe. 5 St. S 1.70. — Jedem Esperantisten zum Lesen und zur Verbreitung unter Nichtesperantisten empfohlen.

**Esperanto-Tagung auf der Pariser Messe.** Die Pariser Messeverwaltung veranstaltet anläßlich der Pariser Messe, die vom 4.—18. Mai dauert, einen Esperanto-Tag, welcher den Zweck hat, die immer größere Bedeutung dieser Sprache bei den internationalen Handelsbeziehungen hervorzuheben. Die Veranstaltung findet am 13. Mai statt und ist verbunden mit einem Bankett, zu dem sämtliche Teilnehmer von der Messeleitung eingeladen sind.

**Radio-Ljubljana.** Die Sendungen in Esperanto erfolgen ab 15. Mai regelmäßig Dienstag von 19³⁰—20 h.

**Der 21. deutsche Esperanto-Landeskongreß** findet zu Pfingsten in Chemnitz statt. Den Festvortrag hält Oberschulrat Dr. Kraner, Dresden.

**Bei der Nordkaukasischen Eisenbahn** sind jetzt Kurse mit über 300 Eisenbahnern, die Esperanto in ihren Dienst stellen wollen.

Das im **Original in Esperanto** erschienene Werk „Nun weiß ich, was Radio ist!" ist soeben vom Radio-Fachmann Prof. L. Andree in die slovenische Sprache übersetzt im Druck erschienen. Das Werk erschien bereits in 11 Sprachen.

**Wie Esperanto hilft.**

Im Jahre 1914 verjagten die zaristischen Kosaken die Wolga-Deutschen in die ganze Welt. Ich mit meinen beiden Töchtern wurde nach Sibirien verbannt. Wir wußten nichts über das Schicksal meiner zurückgebliebenen Töchter, die damals nicht zu Hause waren.

Nach dem Kriege wurden wir gegen Kriegsgefangene ausgetauscht und kamen nach Deutschland. Alle Mittel, die wir anwandten, um unsere Familienangehörigen zu finden, waren vergebens; abgesandte Briefe kamen zurück oder gingen verloren. So verliefen 16 Jahre ohne Erfolg.

Im Vorjahre ging ich mit meinem Gatten im Stadtgarten von Buer in Westphalen spazieren. Wir setzten uns und kamen mit einer anderen Person ins Gespräch über Rußland. Bald näherte sich uns ein Mann mit grünem Stern im Knopfloch, welcher sehr interessiert unsere Rede anhörte.

Er entschuldigte sich, daß er störe, und meinte, daß es sicherlich zu erreichen wäre, Nachrichten über meine Angehörigen zu erlangen; er erbat die Adresse und erklärte, nach 4 Wochen mir Nachricht zu geben.

Nach 4 Wochen kam derselbe Mann in meine Wohnung und überreichte mir einen Brief meiner verlorenen Tochter. Ich erkannte sofort die Handschrift meiner Tochter, die über Turkestan, Kaukasus nach Nordamerika gekommen war, dort geheiratet hatte und jetzt eine Farm besitzt.

Aus ganzem Herzen dankte ich dem Manne, der sich als Esperantist entpuppte. Er hatte an die Esperantisten meines Wohnortes Armovir geschrieben und nur durch Vermittlung des Esperanto hatten wir das Glück, Nachricht von meinen Kindern zu erhalten. Herzlichsten Dank an die Esperantistenschaft der ganzen Welt.

Maria Bayer, geb. Reimer, Schalkestr. 122 Buer-Mitte, Deutschland. (Heroldo)

---

## Vizito ĉe ICK.

Por fari detalan raporton al ICK, mi vojaĝis al Genevo kaj restis tie 3½ tagojn. La tutan tempon mi laboris kun direktoro Kreuz, priparolis ĉiujn detalojn kun li kaj mi ne envias lin pro la laboro nun farota krom lia ordinara sufiĉe granda.

Mi ege estas kontenta, ke mi venis al ICK, ĉar tie mi vidis, kiom da laboro nia senlaca direktoro kun nur unu helpantino devas fari, laboro plej ofte ne agrabla. Venas ĉiutage multaj leteroj, demandoj, kritikoj, plendoj ktp. Ĉiu deziras esti prava, ricevi respondon jam la sekvantan tagon ktp. ne pripensante, ke la respondoj krom la skriblaboro bezonas ofte multan antaŭlaboron (leterojn al aliaj personoj ktp.).

Mi mem diris al s-ro Kreuz, ke mi ne volus anstataŭi lin!

Ĉiu plendanto pri ICK aŭ dir. Kreuz veturu al Geneve, rigardu kio estas tie laborata kaj sub kiaj malagrablaj cirkonstancoj (pro manko de la sufiĉaj monrimedoj!) kaj mi estas certa, ke oni ne plu plendos!

Do ĉiuj plendantoj al Genevo!

Kore mi dankas al ges-roj Kreuz por la afabla akcepto.

Kompreneble mi vizitis ankaŭ UEA kaj ĝies dir. s-anon Hans Jakob.

Dumvoje al Genève mi haltis en Zürich kaj vizitis akompanate de prof. Müller la prez. de Svisa Lernejkonsilantaro, d-ro A. Rohn, kiu akceptis la inviton kiel membro de Int. Honora Komitato de IEMW. La vesperon mi pasigis tre agrable en la grupo, kie mi faris paroladon. 6 membroj aliĝis al IEMW.

En Genève s-ro dir. Kreuz akompanis min al s-ro d-ro Pierre Bovet, direktoro de Instituto J. J. Rousseau, kiu akceptis mian inviton eniri Int. Honoran Komitaton de IEMW. Krome ni vizitis Int. Labor-Oficejon (s-roj Carlton kaj Hediger) kaj ĉeestis kunsidon de Int. Labor-Konferenco.

Reveturante mi estis tagon en la ĉefurbo de Liechtenstein, Vaduz, kiel gasto de la princlanda registaro. Pri tio sekvas raporto en la venonta numero.

Steiner, prez. de IEMW

---

**Nova „Zamenhof-strato".**

La prezidanto de „Brazila Ligo Esperantista", s-ro d-ro A. Couto Fernandes, ricevis flanke de s-ro Augusto Maynard Comes, federala Regdelegito en Sergipo, la informon, ke laŭ peto de la Ligo la urba konsilantaro de la ĉefurbo Aracaju de la ŝtato Sergipe (Brazilio) sub n-ro 12 de l' 23. II. 1932 decidis nomi straton en la kvartalo „Sankta Isabel" „Esperanto-straton". Ni gratulas.

## Akcepto ĉe la Ŝtatprezidanto.

Registara konsilanto Hugo Steiner estis akceptata la 6. de aprilo en aŭdienco ĉe la ŝtatprezidanto de Aŭstrio s-ro Wilhelm Miklas, por fari raporton pri la propagandvojaĝo por Aŭstrio.

Duonhoron daŭris la aŭdienco kaj la ŝtatprezidanto dankis fine pro la bona farita laboro.

Skribaj raportoj estis farataj al kanceliero d-ro Buresch, urbestro de Wien Karl Seitz, ĝeneraldirekcio de fervojoj, ministerio por Komerco kaj Trafiko kaj al Ministerio por Eksteraj Aferoj k. a. Per specialaj leteroj estis de ĉiuj esprimata la danko al la raportisto.

En la raporto estis ege akcentata la granda laboro farita de ICK por sukcesigi la propagandvojaĝon.

## La XXIV-a.

**Paris, 30. Julio—6. aŭg. 1932.**

**Adreso:** La Maison de France, 101, ave. des Champs-Elysées, Paris, VIII.

**La Prezidanto de la Franca Respubliko, s-ro Paul Doumer,** akceptis la Honoran Prezidantecon de la Patrona Komitato de la Kongreso.

**Fakaj kunvenoj:**

Int. Scienca Asocio E.-ista (organizanto C. Rousseau, Maison de l' Esperanto, 3, Bld. Pasteur, Paris XV)

Univ. Pacifista Ligo (org. Einar Dahl, Uddevalla, Svedujo)

Int. Asocio de Esp.-istaj Stenografistoj (org. IAES, 9, bld. Voltaire, Issy-les-Moulineaux, Seine).

Ĉe la **nordkaŭkaza fervojaro** estas nun pli ol 300 lernantoj.

### Katolika Pilgrimo.

Tuj post XXIV-a okazos en Lourdes XVI. Intern. Kongreso de Katolikaj Esperantistoj. Interesuloj petu detalojn de f-ino M. Larroche, 55 rue de Vaugirard, Paris VI.

### Fondkongreso de Internacio de Proleta Esperantistaro (IPE).

Tutmonda Proleta Esperanto Kongreso.

La Internacia Unuiga Komitato por la Proleta Esperanto-Movado decidis okazigi la 1. kongreson de la Internacia Proleta Esperantistaro je 30. julio-4. aŭg. 1932, en Berlin. Adreso: Ernst Kissler, Berlin C 25, Dircksenstr. 42.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Honora Komitato:**

Svislando:

D-ro Pierre Bovet, direktoro de Instituto J. J. Rousseau, Genève.

D-ro A. Rohn, prezidanto de Svisa Lernejkonsilantaro, Zürich.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50)**

**Grupoj ktp. kiel membroj por 10 jaroj** (la sama kotizo):

421. R. Goodland, Aspremont (E-hejmo), Francujo; 422. Emil Müller, prokuristo; 423. Walter Bachmann, sekr. de Teknika Altlernejo; 424 Arn. Schweizer; 425. E. Wynistorf, del. de UEA; 426 Herbert Hammer; 427. Margit Wirz, ĉiuj Zürich.

**Materialo ricevita:**

56. O. Bermann, Warszawa; 57. Margarete Noll, Kopenhago; 58. Litova E.-Asocio, Kaunas; 59. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm; 60. E-Soc. „Albatro“, Varna, Bulg.; 61. ICK, Genève; 62. L. Agourtine, Paris; 63. Literatura Mondo, Budapest; 64. H. Jungschaffer, Ried i. I.; 65. L. Weijts, Bergen op Zoon, Nederl.; 66. Esperantoföreningen, Gefle, Sved.; 67. Japana E-Instituto, Tokio; 68. E-Klubo, Ceske Budejovice; 69. UEA, Genève; 70. Martha Root; 71. Dir. R. Kreuz, Genève; 72. E-soc., Zürich; 73. H. Sentis, Grenoble; 74. O. Ottoson, Göteborg.

## Wien-aj Festsemajnoj

okazos de 5.—19. junio. La muzikaj aranĝoj estos unuavice ovacio por Josef Haydn.

Dum la festsemajnoj rabatitaj reveturbiletoj por la dimanĉoj, validaj de vendredo ĝis lundo.

Festbiletoj je la prezo de 5 S, haveblaj en la vojaĝoficejoj alilandaj, rajtigas je senviza envojaĝo al Aŭstrio (5.—19. V.), la reveturo povas esti farata laŭvole, kaj je ege rabatita veturado en Aŭstrio.

Pri la detala programo vin turnu al Fremdenverkehrskommission, Wien, VII. Messepalast.

**Oesterreichische Reise- und Verkehrs-Nachrichten**, eldonataj de Ministerio por Komerco kaj Trafiko ĉiusemajne, publikigis longan artikolon pri la vojaĝo de reg. kons. Steiner sub la titolo „Aŭstria fremdulvarbado per novaj metodoj“.

## Kardinalo princĉefepiskopo d-ro Friedrich Gustav Piffl †

**La kardinalo mortis la 21. de aprilo en aĝo de 67 jaroj je la sekvoj de apopleksio.**

Kiam la preposto de Klosterneuburg d-ro Piffl la 8. de junio 1913 supreniris la ĉefepiskopan seĝon en la katedralo de Sankta Stefano, li precizigis sian gvidan ideon, „Ŝati la laboron kaj ne honorigojn“.

Kaj tiel li agis ĝis sia morto kun antaŭzorgo, energio, aktiveco, komprenemo kaj plej granda sentkapablo.

Li ĉiam estis en la unua vico, se temis pri helpo al la mizeruloj, malsanuloj kaj malriĉuloj. Tial li ankaŭ estis vere ŝatata kaj amata de ĉiuj, kiuj lin konis.

La doloro pri la morto de nia kardinalo estas ĝenerala, malamikojn li certe ne havis!

Gustav Piffl naskiĝis la 15. de oktobro 1864 en Landskron, ĈSR, kie lia patro vivis kiel librovendisto kaj -bindisto. Post siaj studoj li venis kiel novico en la abatejon Klosterneuburg, kie li ricevis la nomon Friedrich; 1892—1901 li prelegis en la teologia lernejo en Klosterneuburg pri moralteologio; 1907 liaj kunfratoj elektis lin preposto.

En la funebra ceremonio partoprenis Ŝtatprezidanto de Aŭstrio, s-ro Wilhelm Miklas kun la registaro, kardinaloj Faulhaber (München) kaj Szerédy (Budapest), 31 episkopoj kaj 300.000 personoj.

Laŭ la testamento la enterigo okazis en Kranichberg, lia plej ŝatata restadejo, kie la kardinalo trovis de tempo al tempo ioman refortiĝon post streĉiga laboro.

Por ni esperantistoj la morto de la kardinalo estas granda perdo. Dum jaroj li favoris Esperanton kaj speciale la katolikan E-movadon kaj ĉeestis ankaŭ kelkajn aranĝojn de la Katolika E-Unuiĝo en Wien.

Krome la kardinalo vizitis la grandan E-ekspozicion en 1927, por kiu la grandmagazeno Herzmansky estis disponiginta dum 6 semajnoj la tutan duan etaĝon. Tiam la kardinalo, trairante la magazenon, diris en sia popolara, modesta kaj senceremonia maniero: „La homoj miros, kiam ili vidos min en la magazeno!“. Kaj li restis pli ol duonhoron en la ekspozicio.

Neforgeseble restos al mi, kiam la kardinalo akceptis s-anon Smital kaj min en aŭdienco, aŭskultis nian raporton kaj tuj senceremonie akceptis nian peton, fariĝi Membro de Internacia Honora Komitato de IEMW. Je mia peto la kardinalo kiel unu el la unuaj altranguloj vizitis la 10. de januaro 1930 Intern. E-Muzeon en ĝia nova hejmo en Neue Burg. Tiam la kardinalo diris bonhumore al mi: „Unufoje mi dezirus havi tiel enordan skribtablon sen aktoj kiel vi!“, je kio mi respondis: „Eminenca moŝto, la skribtablo hodiaŭ estas nur okaze de via vizito tiel enorda, alie ĝi aspektas terure!“ La kardinalo ridis kaj — restis longan tempon en nia hejmo.

Li ripozu en paco, la esperantistoj kaj speciale IEMW lin ĉiam memoros!

**IEMW kondolencis al vic-ĉefepiskopo d-ro Kamprath, kiu intertempe administras la ĉefeparĥion ĝis la novelekto de la episkopo.**
**Katolika E-Unuiĝo en Wien aranĝis la 27. aprilo funebran kunsidon.** Steiner.

## Wilhelm Ostwald †

La 4. aprilo, en sia 79-a vivjaro, mortis eminenta scienculo — Wilhelm Ostwald en sia vilao proksime de Leipzig. Kvankam li ne estis ligita al E, li tamen okupas gravan rolon en la mondlingva movado. Li apartenis al la Delegacio, kiu en 1907 pritraktis la demandon pri ĝenerala alpreno de mondhelplingvo.

Kelkaj mondlingvistoj poste volis eluzi la gravecon de lia nomo por siaj celoj kaj kaŭzis per tio, ke Ostwald tute retiris sin de la mondlingva movado. Sed liaj celadoj sur la kampo de ĝenerala normigo pruvas al ni, kiom alte li taksis la signifon de internacia helplingvo, la plej alta de tuthomara kulturo. (Laŭ Heroldo.)

**Friedrich Pillath,**

fame konata kiel verkinto kaj tradukinto modela sub la pseŭdonimo Zanoni, mortis la 3. aprilo en Essen. Kiu ne legis „Kiel akiri bonan stilon?“ aŭ „Germanaj kantoj esperantigitaj“, Atta Troll“, „Elektitaj prozaĵoj“ de Heine ktp.?

Ni lin ne forgesos! Al la familio kondolencon! IEMW, Steiner.

**Mavro Ŝpicer jubileas.**

Nia kroata pioniro -verkisto Mavro Ŝpicer fariĝis 70-jara.

El liaj multaj verkoj estu citataj jenaj: „Internacia lingvo Esp. kaj ĝia ĝenerala signifo“, „Kroataj poeziaĵoj“ (Kroata antologio), „Leksikono por enigmo-solvado“ k. a. En 1909 li fondis „Kroatan Esperantiston“ kaj kunlaboris en „La Esperantisto“, „Espero Katolika“, „La Revuo“ k. a.

La jugoslava esperantistaro, speciale la kroata ŝuldas al Ŝpicer grandan dankon.

Pasintjare li festis sian 50-jaran verkistan jubileon.

Ni invitis s-anon Ŝpicer en Internacian Kuratoran Komitaton de nia Muzeo kiel oficialan dankon pro lia pionira laboro kaj kore lin gratulas.

Por IEMW: Steiner, Smital.

**Carrer del Dr. Zamenhof** estas inaŭgurata la 14. aprilo en Barcelona.

# La Esperanto-Domo en Arnhem.

Pasko 1932.

## Lingva Konferenco

esploris diversajn demandojn rilate al instruado kaj vivo de la lingvo Esperanto kaj voĉdonis la jenajn konkludojn:

1. La Konferenco konstatas, ke ĉiuj partoprenantoj unuanime konsideras E-on kiel vivantan lingvon, kies fundamentan bazon neniu deziras diskuti.

2. La Konferenco konstatas, ke la evoluo de E progresas al ĉiam pli granda internacia unueco kaj gratulas la Int. Cseh-Instituton por ĝia helpo al unuecigo per aranĝo de intern. instruistaj kunvenoj kaj interŝanĝo de instruantoj inter diversaj landoj.

3. Konsiderante, ke la estonta sekureco de la lingva evoluo estas jam certigata, la Konferenco esprimas la deziron, ke la Lingva Komitato de nun funkciu kiel scienca korporacio koncentrigante sian klopodon al libera kaj senpartia esplorado de lingvaj bezonoj kaj provaj uzoj

4. La Konferenco esprimas la konvinkon, ke la Lingva Komitato devas limigi sian konsiston al vere kompetentaj lingvo-konantoj kaj lingvo-uzantoj kaj ke ĝi ankaŭ devas pli severe apliki tiun paragrafon de sia regularo, kiu kontrolas la kunlaboran statistikon de la membroj. (VII. 9. 1.)

5. Konsiderante la difektadon suferatan de nacilingvoj sub influo de superreganta lingvo, la Konferenco rememorigas la unuan paragrafon de la „Deklaracio pri Esperantismo“, akceptita de la unua Kongreso en Boulogne sur Mer 1905: „La Esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu „ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn“, donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj.“

6. Konsiderante, ke mezurilo pri la kulturo de popolo estas ĝia literaturo,

Konsiderante, ke la literaturo de E devas esti inda je la grado de seriozeco, kiun atingis nia afero,

Konsiderante, ke la E-publiko vidas en niaj literaturaĵoj la ĉefan materialon necesan por ekzercado, la Konferenco petas, ke senpartian, senantaŭjuĝan, sed severan, utilan recenzadon de nia literaturo verku la recenzantoj de E-libroj, presigu la eldonantoj de E-gazetoj kaj akceptu la Esp-istaro en sia propra intereso.

7. La Konferenco petas la Akademion repreni la studon de la problemo pri vortfarado sur la bazo de la laboroj, faritaj de la tiama komisiono Saussure-Höveler-Cart kaj fine solvu la demandon pri la gramatika karaktero de la vortradikoj en la senco esprimita de la tiamaj Saussuraj raportoj.

8. La Konferenco petas la Akademion esplori la demandon pri korekta uzado de la participoj kaj speciale atenti la nekorektan uzadon de formoj kun -ita anstataŭ la formoj kun -ata.

9. La Konferenco petas la Akademion, ke ĝi fiksu regularon pri la aplikado de la interpunkcio, pri la uzado de grandliteroj kaj pri la plej oftaj mallongigoj.

10. La Konferenco petas la Akademion, ke ĝi publikigu klarigon pri la ĝusta uzado de la prepozicioj, apante pri **po** kaj **de**.

## Paska Universitato.

Tuj post Lingva Konferenco **d-ro Edmond Privat** donis universitatan kurson pri „Esprimoj de sentoj en Esperanto“. En 7

prelegoj d-ro Privat pruvis, ke E vivas kaj kreskas kiel ĉiuj vivantaj lingvoj. Post ĉiu prelego okazis interesa diskutado pri la uzo de diversaj esprimoj en la naciaj lingvoj, el kio evidentiĝis, ke E en kelkaj rilatoj eĉ havas pli da esprimeblecoj ol la aliaj lingvoj.

La 30. III. prof. **Delfi Dalmau** el Barcelona faris interesan paroladon kun lumbildoj pri Barcelona kaj la hispana revolucio.

(Laŭ Heroldo.)

## La Cseh-metodaj kursoj de la „Laborkomitato de Vienaj Esperanto-Societoj".

Por solene inaŭguracii la kursojn, s-ano pastro Cseh mem venis Vienon la 5-an de aprilo kaj restis ĝis la 13-a. Kun plena sukceso li faris kelkajn publikajn paroladojn, propagandis ĉe la ĉefaj gazetoj, estis akceptata de kompetentaj aŭtoritatuloj, celebris meson, faris E-lingvan diservon, vizitis Internacian E-Muzeon kaj rondveturis per aŭtomobilo je invito de ties prezidanto, s-ro Regierungsrat Steiner, tra Vieno kune kun sekcia ĉefo d-ro Franz Uebelhör kaj s-ano Hovorka.

La 11-an de aprilo alvenis gesinjoroj Tiberio kaj Lizzie Morariu, kiuj transprenis la gvidadon de dek paralelaj kursoj.

Por la senkostaj provlecionoj sin anoncis 775 personoj. La kursojn regule vizitas, paginte la kurskotizon, pli ol 450 gelernantoj. La kursoj bone prosperas kaj kursgvidantoj, gelernantoj kaj geadministrantoj estas reciproke kontentaj.

„Laborkomitato" atendis partoprenon de 150 ĝis 200 gekursanoj. Ĉar sin anoncis tiom pli granda nombro nur por Vieno sola, ne plu estis eble, aranĝi kursojn ankaŭ ekster Vieno.

Laborkomitato

### Esp.-Radio verko en slovena lingvo.

La verko de E. Aisberg „Nun mi scias, kio estas Radio", originale en Esp. estis tradukata de la plej bona Radio-fakulo prof. L. Andree en la slovenan lingvon. Eldonis ĝin la instruista librovendejo (Učiteljska knjigarna). La verko aperis jam en 11 lingvoj.

## Krucmilito de eŭropa junularo por malarmado

estis efektivigata kiel novspeca porpaca propagando de Intern. Ligo por Repaciĝo" (Int. Fellowship of Reconsiliation — Intern. Versöhnungsbund) sub la gvidado de d-ro Wilh. Solzbacher, Köln, ĉefsekr. de MOKA, red. de „La Juna Batalanto"). Ĝi komenciĝis la 2. de februaro, la tagon de la malfermo de la granda konferenco por malarmado. Sur la iamaj armeostratoj Calais—Paris, Paris—Köln, Paris—Lyon, Antwerpen—Amsterdam—Köln, Köln—Basel k. a. marŝis ĉefe junaj pacbatalantoj kun siaj gvidantoj, sekvis la standardon „Treuga Dei" (Paco de Dio) kaj aranĝis en pli ol 150 lokoj bonege vizititajn kunvenojn por malarmado. Germanaj, anglaj kaj francaj pacapostoloj parolis kune en Francujo, Belgujo, Nederlando, Germanujo kaj fine en Svislando. Grupo vizitis la iamajn batalkampojn de Vimy, Loretto-altaĵo kaj estis akceptata de episkopo Duthois de Arras, kiu esprimis sian simpation al tiu kristana paclaboro. La tuta krucmilito ja estis afero ĉefe de kristana junularo.

La granda solena finmanifestacio okazis la 3. aprilo en Genève. Mi tie ĉeestis kiel sola reprezentanto de la pacifista junularo de Aŭstrio (pro la ekonomia krizo) kaj ankaŭ la kunvenojn en Zürich, Biel, Lausanne. Ĉie grandaj afiŝoj invitis al la kunvenoj, kelkloke vizitataj eĉ de pli ol 1000 personoj. Mi sukcesis fari en mia konciza parolado en „Plainpalais" en Genève mencion pri la graveco de Esperanto por internacia porpaca laboro laŭ senco de vere morala malarmado.

La 4. aprilo nia intern. komitato estis akceptata de s-ro Henderson, prez. de la Malarmada Konferenco. Jen la postuloj de la junularo (50.000 partoprenis): „Malpliigon de la armaĵoj ĝis 1935 je minimume 50%, forigon de la deviga militservo, kie tiu ankoraŭ ekzistas, kaj malpermeson de militistara edukado de la junularo."

S-ro Henderson aludis la grandajn malfacilaĵojn de la Konferenco, esprimis sian ĝojon pri la kuraĝa mobilizo de la publika opinio per la krucmilito kaj akcentis, ke li ne povas opinii, ke la kompetentuloj estos tiel malkonsciencaj, ke ili malsukcesigos la Konferencon. Li mem fidas je la sukceso!

W. Mudrak

### Foiro de Paris.

La 13. majo okazos Esperantista kunveno okaze de Foiro en Paris. Tagmanĝon, al kiu estas invitataj la partoprenantoj flanke de la Foiro, prezidos eksprezidanto de Komerca Ĉambro en Paris, s-ro André Baudet.

# Mia varbvojaĝo por Aŭstrio.

## 2. Daŭrigo.

Sub la titolo „**Eminenta fervojoficisto en Finnlando**" la prezidanto de E-Asocio de Finnlando, staciestro Hugo Salokannel, membro de Int. Kuratora Komitato de IEMW, sendis artikolojn al la plej gravaj gazetoj de Finnlando, en kiuj li raportis pri la bonaj servoj, kiujn mi faris al la tiea movado, menciante la prezentadon al la Ŝtatprezidanto kaj aliaj eminentuloj. Koran dankon al s-ano Salokannel. St.

Antaŭ ni veturis glacirompanta ŝipo kaj ni sekvis en mallarĝa sulko inter la glaciigita maro.

Antaŭ meznokto ni alvenis en Helsinki, kiu kun siaj multnombraj pitoreskaj kaj plastikaj ĉarmoj, antaŭsituataj klifoj kaj rifoj kaj en granda arko la domegaro, interrompata de kupoloj kaj turoj, faras neimageblan impreson.

De ekstero vidata la urbo faras modernan impreson; ĝiaj domoj estas ofte helkoloraj, pro kio oni nomas la urbon „La blanka urbo de l' nordo". Arkitekte rimarkinda estas Placo de Senato, ĉirkaŭata de novklasikstilaj kreitaĵoj de l' germano Engel, nome ministeriejoj, universitato kaj ties bibliotekejo kaj sur teraso kun impona granitŝtuparego ĉien malproksimen videbla Nikolai-preĝejo kun grandioza kupolo. La stacidomo de Eliel Saarinen fariĝis mondfama, la finna Nacia-Teatro, la potenca kaj grandioza Parlamentejo, unika en la mondo, kaj la plej kolosa kreitaĵo de finna granitarkitekturo, de J. S. Sirén (1931). Antaŭ la urbo, kiu nombras 250.000 loĝantojn, sur 7 insuloj la fortifikaĵo Suomenlinn (Sveaborg) kun siaj historiaj monumentoj kaj muzeo. Proksime de la haveno la Palaco de l' Ŝtatprezidanto, iam imperiestra kastelo, kaj malantaŭ ĝi malproksimen videbla sur monteto la oraj kupoloj de la grekkatolika Uspenski-katedralo.

Helsinki — kvankam en la centro de la urbo ankoraŭ kelkaj lignaj domoj atestas pasintajn tempojn — estas moderna grandurbo, kiu eĉ faras la impreson de amerika urbo. Tion atestas ankaŭ modernaj amerikstilaj komercdomegoj (Stockmann, Fazer ktp.), kiuj estas superataj de l' turo de l' Hotelo Torni, de kies 12. aŭ 16. etaĝo mi faris aron da fotografaĵoj.

Finnlando, la lando de la multmilaj lagoj, estas pli granda ol Grandbritujo kaj havas loĝantaron da $3\,^1/_2$ milionoj, el kiuj 89 % finnoj. 1919 ĝi fariĝis memstara ŝtato; la prezidanto estas elektata por 6 jaroj; 200 parlamentanoj. Depost aprilo nunjare denove estas permesate trinki alkoholaĵojn, antaŭe per leĝo malpermesate.

Do la 16. II. mi estis lunĉogasto en Rotary-Klubo, kiun ĉeestis ankaŭ la ŝtatprezidanto de Finnlando, s-ro Swinhuwud, al kiu mi estis prezentata. Konsulo v. Frenckell faris tre efikan paroladon pri mia propagandvojaĝo kaj pri Intern. Esperanto-Muzeo en Wien kaj dankis al mi publike pro la bonaj servoj, faritaj de mi okaze de Rotary-Mondkongreso en Wien 1931. Ĉeestis 70 personoj. Vizito al ministro por instruado, s-ro A. Kukkonen, kiu anstataŭis ankaŭ en Genève forestantan ministron por Ekstero, kaj li ebligis mian Radio-paroladon (30-minutan; tradukinto magistro Setälä). Sekvis vizito al la Radio-stacio. Vespere gasto ĉe la frato de s-ano prez. de Finnlanda E-Asocio, staciestro Salokannel.

La 17. II. vizito al ŝtatministro J. E. Sunila, kiu eniris la IHK de IEMW; ĝeneraldirektoro de la ŝtatfervojoj, s-ro J. Castren, je kiu vizito min akompanis s-ro Salokannel (ĉe la aliaj ĉiam akompanis min mag. Setälä). Sinjoro J. Castren permesis la publikigon de sia permeso, ke la fervojistoj povas porti dum deĵoro la E-insignon, kaj ordonis al s-ano Salokannel la aranĝon de la afero. Aparta sukceso! Interparolado kun univ. prof. Setälä, la patro

de mag. Setälä. Tagmanĝo ĉe la aŭstria ĝeneralkonsulo W. Achilles kaj edzino, tre afablaj homoj; vespere ĉe mag. Setälä, la s-anoj estis gastoj, ankaŭ por priparoli organizajn aferojn. Je tiu okazo, ĉeestis ankaŭ prez. de la landa organizo Salokannel; post sufiĉe longa debato oni interkonsentis revigligi la E-grupon de Helsinki kaj starigis novan komitaton. Menciinda estas Finnlanda E-Instituto, kiun estras mag. Setälä.

La 18. II. aperis artikoloj en diversaj gravaj gazetoj „Suomen Suvalehti", „Helsinki Sanomat", „Uusi Suoki", al kiuj mi estis doninta intervjuojn la antaŭan tagon. Vizito al kolonelo Kekkoni, ĉefadjutanto de la Ŝtatprezidanto, kiu montris al ni la salonegaron de la kastelo kaj petis, ke mi enskribu mian nomon en la vizitlibron de la prezidanto. Vizito al sveda ambasadoro ministro Heidenstamm. Mi estis lunĉogasto kun mag. Setälä (kiel ankaŭ la antaŭan tagon ĉe la ĝeneralkonsulo) ĉe la aŭstria konsulo, ekskolonelo L. Klusacek-Jauregg. Vespere publika parolado kun lumbildoj (100 pers.). La 19. II. mi forveturis je 10⁵⁵ de Helsinski por Narvik. S-ano Aalto, kiu antaŭ 6 jaroj estis en Wien kun s-ano Salokannel, alportis por adiaŭo kelkajn florojn (dankon!). La finnaj samideanoj donis al mi kiel rememorigon belan albumon kaj estis aĉetintaj bileton por dormovagono (koran dankon!). En mia societo veturis dum kelkaj horoj s-ino Setälä kun filo, por viziti parencojn en dumvoja fervojstacio.

Mi ankoraŭ deziras speciale danki al la samideanino, kiu en vaste gastama maniero disponigis sian vere belan kaj agrablan hejmon (eĉ telefonon mi havis kaj uzis) al mi dum mia restado en Helsinki kaj mem loĝis ĉe s-anoj, al kiuj mi por ĉi tiu afableco dankas kore; al mag. Setälä kaj prez. Salokannel pro iliaj grandaj klopodoj kaj al ĉiuj aliaj.

Mi vizitis ankaŭ konatojn de la Krakova Kongreso el 1912, Werner kaj Selma Anttila, kaj pasigis agrablan tempon en ilia hejmo.

La 20. II. mi alvenis attgm. en la finna limstacio Tornio, poste en la sveda Haparanda, kie mi feliĉe havis du horojn da tempo por diskuti kun la doganistoj, kiuj ne volis permesi la senpagan importon de miaj filmoj ktp., kvankam mi havis oficialan leteron de la sveda ambasadoro en Helsinki. Sed fine ĉe la tria instanco, la ĉefo, mi sukcesis kaj povis daŭrigi mian vojaĝon kun miaj valizoj.

Nur depost 1903 estas eble traveturi la landon de laponoj, ferminejoj kaj altaj montoj, de Lulea ĉe Botnia Maro ĝis Narvik ĉe la Atlanta Maro, la natura turista centro en la norda Norvegujo, la lando de la meznokta suno, fjordoj, glaciejoj kaj akvofaloj.

De Haparanda oni preteriras dezertregionojn kaj 11 km norde de Murjek staras apud la fervojo tabulo kun la surskribo „Policirkeln". Tie ĉi la polusa cirklo tranĉas la fervojlinion kaj la trajno eniras la polusan regionon.

200 km kaj ni atingas Kiruna, depost 1899 elkreskanta moderna kaj bonege aranĝita urbeto kun pli ol 13.000 loĝantoj. El la du ercmontoj Kieronavare kaj Luossavare oni ĉiujare gajnas meze 7—8 milionojn da tunoj de ferercoj, kiuj tra Narvik iras al Germanlando. 2000 laboristoj laboras ĉi tie. La ferajo, kiu atingas eĉ ĝis la suprajo de la montoj, estas en tavoloj 60—100 m dikaj kaj atingas ofte pli ol 70% ferenhavon. Aparta fervojlinio al Narvik estas konstruita por la transporto de la ercoj. La urbeto bele aspektas, speciale la belega preĝejo, kiu estas la plej bela pruvo de sveda lingvo-arkitekturo, kun artaj verkoj de princo Eugen (belega pentrajo), Christian Erikson, Engström k. a.

De Kiruna oni vidas la plej altan monton en norda Svedujo „Kebnekajse" (2123 m). La fervojo al Narvik estas tre interesa. 34 km de Kiruna Rensjön (Boacolago), de kie oni povas atingi lapotendaron. Oni preterpasas

la 70 km longan kaj 9 km larĝan lagon Torneträsk, kiu entute estis glaciigata, kaj atingas Abisko, kies vagetaĵaro, — kvankam norde de la polusa cirklo — estas mirinde riĉa kaj multspeca. La klimato estas tre agrabla ankaŭ dum vintro dank' al Golfo-fluo. La plej granda vidindaĵo estas la noktomeza suno. Ni venis al Narvik en Norvegujo ĉe la 20 km longa fjordo Rombaken, kies akvo neniam glaciiĝas pro la Golfo-fluo. Narvik kun siaj 9000 loĝantoj estas natura elirpunkto de multnombraj turistaj vojaĝoj kaj belaspekta; la laboristoj loĝas en belaj dometoj ĉirkaŭataj de ĝardenoj. La erc-enŝipigaj instalaĵoj estas la plej grandaj en Eŭropo kaj ege interesaj. Ĉe la granda moderna granita kajo oni povas enŝipigi pli ol 2000 tunojn da mineraloj pohore. Belega la preĝejo, konstruita de Nordhagen*.

La 21. II. matene je 6[50] h mi avlenis en Kiruna, kie prez. Backmann kaj aliaj s-anoj min atendis. S-ano Bengtsson, tre fervora, akompanis min al Narvik, kie ni post 4 horoj alvenis, akceptataj en la stacio de prez. Rokkan, kaj aliaj s-anoj. Ili neniom povis entrepreni por la lumbildparolado, ĉar ili nur la antaŭlastan tagon ricevis mian informon pri ĝia okazigo. Sed la prez. Rokkan, instigata de s-ano Bengtsson, tamen deziris ion aranĝi en la lasta minuto kaj volis jam lui aŭtomobilon por per granda afiŝo sur ĝi inviti dum kelkfoja traveturo tra la urbeto la loĝantaron al vizito de posttagmeza parolado. Sed li trovis alian bonŝancon: Okazis ĝenerala kunveno de la laborista partio kaj Rokkan sukcesis, ke oni interrompis la kunvenon dum unu horo por aŭskulti mian lumbildparoladon (trad. Rokkan). Ĉeestis 200 personoj, el kiuj multaj poste montris grandan intereson al E. Mi estis je tagmanĝo gasto de s-ro Rokkan, kiu min ankaŭ konatigis kun librovendisto s-ro Mosling, vickonsulo nederlanda. Estis dimanĉo kaj mi eniris lian vendejon tra malantaŭa pordo. Tie mi elektis 70 poŝtkartojn, kiujn mi volis forsendi al miaj konatoj el la plej norda fervojstacio de la mondo. Kiam mi volis pagi, s-ro Mosling en vere eleganta maniero diris: „Mi estas kristano kaj ne vendas dimanĉe. Sed retenu kartojn kiel memoraĵon!“

Post la parolado ni reveturis, Bengtsson kaj mi, al Kiruna, kie mi loĝis en bela stacidoma hotelo kiel gasto de Kiruna-anoj.

La 22. II. attgm. mi faris en societo de prez. Backmann k. a. viziton al gazeto „Norrlandsfolket“, kiu bone raportis, kaj al la direktoro de la Radiostacio, la plej norda en la mondo, s-ro inĝ. Wellner, kiu konsentis intervjuon en la stacio. Krome ni faris viziton ol la pastoro s-ro J. E. Eklund, kiu min invitis veni ankaŭ la sekvantan tagon. Tre afabla sinjoro, kun kiu mi pasigis tre agrablan tempon. Je la 13 h ni forveturis (prez. Backmann kaj mi) al Abisko, kie s-ano instr. Lindblad estis aranĝinta film- kaj lumbildparoladon en Popolhejmo (100 pers., trad. Backmann). Vespere ni reveturis al Kiruna.

La 23. II. attgm. en societo de kelkaj s-anoj mi vizitis la minejojn de Kiruna, ege interesaj, kaj poste denove la pastoron, kiu montris al mi ankaŭ la ege interesan preĝejon. Pttgm. intervjuo antaŭ la mikrofono (trad. instr. Ottersfors). Post la Radio-parolado la direktoro de la sendstacio telefone esprimis sian kontenton kaj dankon por la bona, interesa aranĝo. — Vespere film- kaj lumbildparolado antaŭ 200 pers. (trad. instr. Ottersfors). Poste la s-anoj restis en mia societo, ĝis kiam mi je la 23 h forveturis al Stockholm (1400 km), kie mi post 35 h veturado alvenis la 25. II. je la 10 h.

En Stockholm mi loĝis kiel gasto de Sveda E.-Federacio en tre bela hotelo vid-al-vide de la stacidomo. La saman tagon mi vizitis en societo de s-ano rektoro Sam Jansson — li akompanis min ĉien — la aŭstrian ambasadoron C. Buchberger, kiu nin invitis al tagmanĝo en sian belegan hejmon; ĉeestis

* Detaloj el „Gvidlibreto pri Lappland“, E-Turista Komisiono, s-ro G. M. Bengtsson Kiruna C, 53-1 b, Svedujo. 1 resp. kupono.

ankaŭ grafo Meran, kiu anstataŭante la ambasadoron ĉeestis mian lumbildparoladon en la hejmo de la tramistoj, kie ariĝis krom deputito Eriksson, red. Nylen k. a. ankaŭ 200 personoj (trad. Sam Owen Jansson). Sekvis kafotrinkado komuna kaj regis tre intima kontakto.

Samtage mi havis intervjuon ĉe „Nya Dagligt Allehanda", „Dagens Nyheter", „Stockholms Tidningen-Stockholms Dagblad" kaj „Social-Demokraten", kiuj ĉiuj en longaj artikoloj kun bildoj raportis.

Ni invitis ankaŭ la novan urbestron s-ron Gunnar Fant en Intern. Honoran Komitaton de IEMW kaj li afable akceptis; poste ni faris viziton al la antaŭa urbestro, deputito Carl Lindhagen, en la parlamentejo.

Tre interesa estis la vizito ĉe la ĉefo de la Radio-stacio, s-ro Rabe, kiu estas kontraŭulo de E kaj diris, ke li „ne dediĉos unu minuton pli al E ol li estas devigata". Per la eldiro, ke oni tro malfrue aranĝis la aferon, li ne konsentis paroladon. Ankaŭ vizito al s-ro Henriksson, ĉefo de la gazetservo en Ministerio por Ekstero, nenion helpis.

La 27. II. ni faris viziton al la ĝeneraldirektoro de fervojoj s-ro Granholm kaj al Sveda Trafikasocio. Vespere okazis komuna vespermanĝo, tre bele aranĝita, je kiu okazo mi nome de IEMW invitis la pioniron Paul Nylen en Int. Honoran Komitaton kaj s-anojn rektoron Jansson kaj Ernfried Malmgren, sekr. de Sveda E-Federacio kaj prez. de E-Turista Komisiono, en Int. Kuratoran Komitaton kiel reprezentantojn de Svedujo. Tiun ĉi tagon estis mia naskotago kaj rektoro Jansson ĝojigis min per belaj violoj kaj la aliaj gratulis. Estis vere amika kunveno, kiu daŭris kelkajn horojn.

La 27. II. mi forveturis al Uppsala. Koregan dankon al ĉiuj, kiuj helpis la aranĝojn, unuavice al sekr. Malmgren, kiu faris la grandan laboron de la vojaĝaranĝo tra tuta Svedujo, rektoro Jansson pro liaj klopodoj akompani kaj enkonduki min (li ankaŭ promesis kiel s-ano Malmgren siajn verkojn k. a. librojn por IEMW), al nia pioniro Nylen, kiu promesis sendi siajn verkojn kaj multajn aliajn al la Muzeo, deputito Eriksson, prez. S. O. Jansson k. a.

Pri Stockholm en venonta numero. (Daŭrigota).

---

**Aspremont.**

Tie pere de la senlacaj s-anoj ge-Yelland estis fondata E-hejmo sub la aŭspicioj de Internacia Centra Komitato, 13 km de Nice (Francujo), 530 m alta, inter Sudaj Alpoj, en la grando de 30.000 m².

Por finekipi la hejmon, kiu en 9 ĉambroj estas je dispono de la esperantistaro, la s-anoj, kiuj vizitas la hejmon, estas petataj kunporti aĵojn, kiujn ili mem ne bezonas kaj kiuj estas taŭgaj por hejmo. (La kostoj de transporto estas tro grandaj).

Vizitu la hejmon kaj pasigu vian libertempon tie. Petu informojn senpere.

S-ano Goodland, kiu vizitis min, kaj kiu jam de monatoj estas en Aspremont, donis al ni nur vortojn de laŭdo pri la agrabla hejmo! Steiner

**Novaj adresoj: Sveda Laborista Asocio** kaj **Svenska Arbetar-Esperantisten**, Stockholm I, Klara Västra Kyrkogata 17.

**„Minnesskrift"** jubilea festskribaĵo, okaze de la 25-jara datreveno de la fondo de E-grupo Gefle, Svedujo. 20 pĝ. kun multaj **bildoj, tre belaspekta.**

**Esperanto en la grandmagazeno Stafa, Wien.**

La E-konversacioj okazis ĝis nun ĉiuĵaŭde (16—18 h) en „Stafa"-kafejo. Sed la brua muziko malebligis oportunan konversacion. Pro tio la tre Esperant-ema direkcio disponigis tre taŭgan, elegante meblitan kaj aparte situatan ĉambron en la 5. etaĝo (lifto senpaga!) apud la sekretariejo. Venu multnombre ankaŭ alilandanoj en la tute senpagajn konversaciajn kunvenojn, kiuj okazos ĉiuĵaŭde inter 16—18 h en la menciita ejo.

Adreso de Stafa: VII. Mariahilferstr. 120.

Rud. Mich. Frey

Nova gazeto: **„Revuo de etnografio-folkloro-turismo kaj Fremdultrafiko"** aperis la unuan fojon en januaro nj. 12 pĝ. Red. Teodoro Kovacs, Rakosszentmihaly, Hungarlando. Mendu specimenon.

**„La Lumo Orienta"**, kvaronjara organo de Japana Budhana Ligo Esperantista, Rokujo-Takakura, Kioto, eliris okt.-dec. pasintjare la unuan fojon.

**Dek devoj de la esperantistoj.**

1. Memoru ĉiam, ke la progreso de nia movado dependas ankaŭ de via kunlaboro!
2. Aniĝu al Aŭstria Esperanto-Asocio!
3. Abonu „Aŭstria Esperantisto"-n!
4. Varbu ĉiam novajn anojn kaj abonantojn!
5. Aliĝu al la grupo en via loko!
6. Vizitu la grupkunvenojn, sed almenaŭ la kunvenojn, al kiuj oni vin speciale invitas!
7. Fariĝu „Dumviva membro" de Int. Esp.-Muzeo en Wien!
8. Aliĝu al Universala E-Asocio en Genève!
9. Propagandu Esperanto-n ĉie en deca maniero kaj uzu ĝin ĉiam!
10. Aĉetu E-literaturon! Steiner

**Radiostacio Ljubljana.**

De la mezo de majo la E-paroladoj okazos regule marde de la 19³⁰–20 h. Parolos Herkov, Kozlevĉar, d-ro Reya, prof. Sirk k. a.

**Literatur-Scienca Aldono al Sennaciulo.** „La nova Epoko" aperas de nun en pligrandigita formato dumonate. La unua n-ro aperis komence de aprilo. Prezo pojare (6 n-roj) 20 pĝ. Rm 2.50 Mendu Leipzig O 27, Kolmstr. 1.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Linz, Weissenwolfstr. 31

**Klagenfurt:** Fondiĝis grupo kaj aliĝis al AEA.

**Wien:** Dum aprilo okazis kelkaj lumbildparoladoj tra la nordaj landoj, pri kiuj rakontis R. M. Frey, menciante ankaŭ E-on.

**Ĝenerala Kunveno de la E-societoj „Unuiĝo" kaj „Oficĥavantoj"** okazis la 4-an de aprilo. El la raporto de la estraro pri la jaro 1931-32:

Entute 240 paroladoj, prelegoj, diskutoj ktp., vizitoj de kune 1575 esp.-istoj, meza nombro 29. La plenan kotizon pagis 104 membroj.

Ĉiuvoĉe oni elektis la jenan novan estraron. Prezidantoj: Hovorka, Struska h. m., Zimmermann; protokolanto: Sinek; sekretariino: Ziwutschka; gekasistoj: Zich, Kremser; specialaj referantoj: Biberle, Werner, Szekely, Bernfeld, Menacher.

Oni decidis, en venonta ĝeneralkunveno krei „senaton", kiu konsistu el la dumvivaj honoraj membroj kaj por unu jaro elektotaj honoraj societantoj. Kiel membrokotizon oni starigis: S 4.— por plena membro, S 8.— por subtenanta membro, S 1.75 por senlabora membro.

**Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien.** La ĝenerala kunveno (28. II.) en Kath. Gesellenverein, Wien, VI. Gumpendorferstr. 39 estis enkondukata per sankta beno kaj prediko pri la esenco kaj valoro de E, farita de pastro Kudrnowsky en la domkapelo. Prez. Chiba prezentis al la ĉeestantaro (150 pers.) agadraporton, dir. Schiebl la kasraporton. Reelektita la ĝisnuna estraro (prez. Chiba, 1. vicprez. pastro Kudrnovsky), al kiu venis denove P. Prioro Nedwid kiel pastra konsilanto. — S-ano Hovorka (Laborkomitato de Vienaj Esperantistoj) atentigis pri la okazontaj Ĉe-metodaj kursoj en Wien. Post la oficiala parto sekvis kantprezentadoj E lingvaj de f-ino Wernert, akompanitaj de s-ro Chiba per korno, kaj mallonga simbola ludo „Kunlaboro", originale verkita en versoj de s-ano Mudrak; aktoris f-inoj Kolar (paco), Lippert (Esperanto), Scherpon (vivrenovigo) kaj Fida (junularo).

**Al Hochschneeberg.**

Kat. Unuiĝo Esp.-ista, Wien I. Freyung 6, invitas al ekskurso, kiu okazos la 6. de junio. 30 personoj jam sin anoncis. Forveturo de Wien prksm. je la 7 h de Wien-Aspangbhf., alveno Hochschneeberg post la 10 h, poste Sankta Meso kun la meskanto de Schubert „Al kiu mi min turnu?", komuna tagmanĝo en la hotelo, posttagmeze ekskursoj (gvid. W. Mudrak) aŭ familia kunestado ĝis la reveturo je la 18 h. Alveno en Wien prksm. je la 22 h. Veturprezo kun tagmanĝo S 18.50. La precizaj veturtempoj laŭ la eldonota horaro estos sciigataj al la sinanocintoj. Anoncu vin baldaŭ al la kasisto Hans Schiebl, Wien XVI. Thaliastr. 158 kaj varbu. Se 200 personoj sin anoncos, ni povus havi apartan trajnon pli malmultekostan kaj pli rapidan. Unuiĝestraro.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**Leitungssitzungen vom 11. März und 23. April 1932.** Die Kasse ist mit über 80 S aktiv. Beiträge sind noch vielfach ausständig. Man beschließt mit Rücksicht auf die Wirtschaftskrise auch Teilzahlungen zuzulassen. Zwölf Mitglieder, deren Beiträge meist seit 1927 ausstehen, werden gestrichen. Für den 18. März wird eine von Prof. Hainschegg veranstaltete Goethe-Feier für alle Grazer Esperanto-Vereine angesetzt. Die Uebungsstunden des Vereines müssen wegen zu geringer Beteiligung aufgelassen werden. An der Chemnitzer Tagung nimmt der Verein als helpkongresano teil. Vollmacht und Begrüßungsschreiben werden vorbereitet. Ueber die persönliche Teilnahme am Linzer Kongreß soll noch entschieden werden. Schließlich wird geplant, die Bücherei nach dem Prinzip der Gegenseitigkeit auch den anderen Esperantovereinen zugänglich zu machen.

**Todesfall.** — Am 16. April starb unser blindes Mitglied Herr Kirchweger im Hause der Barmherzigkeit. Der Beerdigung wohnten Frau Bartel und H. Lossos bei. Herr Lossos spendete statt eines Kranzes im Namen des Vereines einen Betrag für das Hans der Barmherzigkeit, wofür ihm der Dank des Verbandes ausgesprochen wurde.

**Goethe-Feier.** — Die über Anregung des Schriftführers an Prof. Hainschegg veranstaltete Goethe-Feier war, namentlich vom Arbeiterverein, sehr gut besucht. Der Vortragende wies vor allem auf das Vollendungsstreben des Dichters hin, der das Leben von den tiefen bis zu den höchsten Höhen durchmaß, und sprach dann gemeinverständlich über „Faust“ als den dichterischen Ausdruck dieses Vollendungsstrebens. Zum Schluß las und erklärte er sprachlich den „Prolog im Himmel“ nach der Uebersetzung von Bartelmes. Die Zuhörer folgten mit sichtlichem Verständnis den Ausführungen. Pressevertreter waren geladen, aber nicht erschienen. Dr. Biehler.

**Mitgliedsbeiträge** sind bis 30. IV. eingelangt von: Bauer, Calisto, Engels, Dr. Fiby, Gasperini, M. Hallamayer (Teil), Horneck, Jantscher (T), Kaufmann (T), Mag. Klotzmann u. H, Lossos u. F., Machan (T), Marco, Ott u. Schw., Pernegg, Schantl (T), Storm u. Fr. u. T., Mag. Telschik u. Fr, Turk u. Fr. (T), alle für 1931/32 (2. Liste); Markowicz (T) für 1930/31. — Mitglieder, die der Gruppenleitung ihre Stellenlosigkeit anzeigen, sind von der Entrichtung des Mitgliedsbeitrages für das laufende Geschäftsjahr befreit. Bartel.

## Rimarkindaj presaĵoj

**Walter, C: Gajaj Vesperoj.** Spritaĵoj, anekdotoj, Humoraĵoj, Diversaĵoj, Reguloj por gvidantoj. Program-konsiloj por grupkunvenoj, Ludoj. — Berlin 1931. Mendadreso: C. Walter, Berlin W 10, Hohenzollernstr. 11. — 80 pĝ. Prezo: 1 RM=1.25 sv. fr.=4 resp.-kup.

„La libro havas du taskojn . . . amuzi la esperantistaron; fari la grupvesperojn tiom gajaj kaj amuzaj, ke la grupanoj . . . restu fidelaj al la grupo kaj al la lingvo Esperanto.“

Ĝi certe plenumos ankaŭ ĵen la mano de vigla lingvosperta gvidanto. Ofte tia ekzistas ja en grupo, sed mankas ideoj amuzaj en momento de bezono. La libreto prezentas ilin; abunde eĉ, se mi ne sekvas laŭlitere nur sed lasas inspiri sin al pluo.

Specialan dankon pro ĉi tiu esperiga ido plej juna en nia literaturo meritas ne nur ĝia patro, la aŭtoro, sed ankaŭ la akuŝistofinforminto, prof. Christaller, kaj la laŭsenta baptopatro, direktoro Andreo Ĉe. Kelkajn makuletojn internajn (preseraroj, germanismoj kaj stilaj nebelaĵoj) ĝi estos perdinta ĉe renaskiĝo per dua eldono, espereble baldaŭ necesa. Ĉar ĝi inter similaĵoj estas la plej riĉenhava, uzebla en diversaj rondoj (komencantoj, junuloj, kleruloj aŭ ne) kaj praktika, oni nur povas rekomendi al ĉiu grupo la havigon: La unu marko bonege rentumiĝos!

Walter Smital-Wien.

Langoekzercado:
„Ĉu ĉi - ĉiuj ĉasistoj ĉesas ĉasi?“
D-ro Biehler.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gemeinschafterheim, Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I. Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna AkademiaUnuiĝo Esp. VIII., Langegasse 61 (Kafejo Lange), Mo (l) 19—23 h.

Esp.-societo „Fideleco“, Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.